# PENSEO

N-ro 293

mar. / 2016

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### enviado

azenoj povas iĝi filmsteluloj
sed mi prezentas mian vivon fuma.
senvestaj fiŝoj ĝuas neĝan vintron
tamen mi tremas en la lito pluma.

2013.02.15

### ne tro malfrue

fasketo da radioj tra kurteno
karesas mian vangon sur la kapkuseno.
rigardo maja antaŭ tridek jaroj
sentigas al mi varmon en vintra mateno.

2013.02.15

### bildoj ŝtelitaj

printempaj floroj sub aŭtuna luno
sin banas en somera brizo kun neĝeroj vintraj.
se ni la menson duŝas per sunlumo,
ĉiuj veteroj helas senflugcindraj.

2013.02. 4

### blokado

la granda muro baras la okulojn de la ĉinoj
vidi pejzaĝojn fremdajn nur for de la
nazopinto,
sed ĝi neniam malebligas ferhufojn eniri.
en la kaĝego ronkas kvinmiljara la pasinto.

2013.02.18

## Mori (Usono)



### AFORISM-e(12)

Politiko estas
samkiel ŝakludo,
politikisto pensema
ludas ĝin kiel
TESTUDO!

***

La plej stulta
homo,
estas la idioto
kun akademia
diplomo!

***

por komenci
batalon,
Oni elpensas
kialon.

***

Inter la musoj
kaj malsataj katoj
ne povas esti
amikaj rilatoj.

***

Vivu tie,
kie vi havas
radikojn
kaj fidelajn
amikojn.

***

Se al vi mankas
mono,
ne vivu en

Usono.

***

Sub premo de
bezono,
humiliĝas
eĉ leono.

***

Por ke pacoplena
estu inter-rilatoj
Musoj ludu kun musoj
katoj ludu kun katoj.

***

musoj kiam renkontas
ebrian katon
ĉirkaŭ ĝia kolo
pendigas kravaton!

***

Forpelu Diablon
el via domo,
ĝi tuj revenos
kiel sankta homo.

***

Oni por kaŝi
siajn makuloljn,
prijuĝemas
aliajn ulojn.

***

Homo kun leona
sinteno
estas sukcesa
persono.

***

Kie regas
justa leĝo,
ordinarul' estas
reĝo.

***

Kie malriĉulo
egalas al riĉulo,
tie ja estas
paradiza insulo.

***

Homo kiu ne sentas
alies doloron,
estas ia roboto
kiu havas maŝinan
koron.



## Cezaro (Germanujo)



### Granda estas...

Granda ne estas perforto,
sed zorgemo, solidareco
kaj amo.

Ne la armitaj detruantoj
estas grandaj,
kiuj ĵetas bombojn
el sekura distanco
sur sendefendulojn.

Granda estas
la brava soldato Ŝvejk,
kiu kun sia rezista humuro
senarmigas armeojn.

Granda estas, se la kanonoj en muzeoj
pace ronkas en eterna dormo.

Grandaj estas
la konstruantoj,
la kreantoj
kaj tiuj,
kiu konservas
konservindan.

Grandaj estas
la silentaj ondantaj
tritikokampoj,
el kiuj fariĝos
pano.

Granda estas la rideto de homo,
se li sentas sin amata.

Granda estas la silento,
kiu ne estas perfido,
sed jesigo de la komuneco,
kiu ne bezonas multajn vortojn.

Granda estas,
se la aferoj kaj aĵoj
moviĝas kvazaŭ per si mem.

Grandaj estas sapvezikoj,
kiuj respegulas la mondon,
nuboŝafoj en blua ĉielo
aŭ mesaĝoboteloj tute solaj
en granda maro.

Granda estas,
se ĉe la starigo de neĝoviro,
pro pura ĝojo neniu pensas pri tio,
ĉu la neĝoviro utilas,
ĉar ĝi baldaŭ disfluos,
se varmiĝos.

Granda estas tio, kio estas
preskaŭ nerimarkebla,
kvankam ĝi tenas
la mondon en balanco.



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### BEZONATAS PLENECO

Samkiel doloron pro brulvund' sur haŭto,
Perceptis sentum' ja kun facil' celpunkton.
Dispeciĝis, tamen, longa akra ungo,
Ĉar forgesis sian longon dum aplaŭdo.

Kaj pulsante, la celpunkto malmodestis.
Servoprete, l' aliulaj manoj gestis
Por indiki la precizan cellinion.
Sed malhelpis l' ung' dispecigita ĉion.

Via tut', en embarason, falis fulme.
Igis vin orientiĝi kvarsentume
Ununura korpopart' neniom grava.
Kiun, ekde nun, el ili vi malhavas?

Ĉu ne flari, nek gustumi? Aŭdi? Senti?
Ĉu almenaŭ vidkapablon en cel' centri?

## Siv Burell (Svedujo)



### Longtempaj amikinoj

Knabinajn sekretojn
amikinajn konfidojn
la du knabinetoj
donis unu al la alia,
kiam junaj ambaŭ estis,
kaj ĉagrenoj ja forestis.

Ĉu la amikeco eble novas
post tempoj sen kontakto,
aŭ ĉu oni ne plu povas
kunesti je la iama pakto?

Se malsamaj sortoj
influis iliajn vivojn
kaj novaj kunulaj fortoj
kunhavis aliajn rilatojn,
ĉu tiam amikeco survivis?

### Al la idaro

(kantteksto)

Pardonu l' amaran mienon
Pardonu, ke mankas brakumo
Pardonu la mankon de spaco

Jen kiel tagis al ni

Pardonu pro tiom da riskoj
Pardonu la senŝirmkomplikojn
Pardonu, ke mankas amikoj
Jen kiel tagis al ni

Pardonu, ke mankas folioj
Pardonu, ke mankas aer'
Pardonu l' senrajton elekti
Jen kiel tagis al ni

*Esperantigis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

## Anna Rudawcowa (1905-1981)

### PATRINO

Nur sola koro, koro patrina,
Malĝojon, ĝojon kun vi dividos,
Nur bonecplena kaj ĝojinklina,
Koro patrina vin ne perfidos.
Kun vi ŝi ridos kaj kune ploros,
En bezon' urĝa helpi rapidos,
vin ekkomprenos, kulpon ignoros,
kontraŭ vin ankaŭ ŝi ne insidos.
Ŝi vin brakumos kaj donos varmon,
eĉ pli agrablan ol brullignaro
kaj dum eligos la salan larmon,
ŝi por vi helpos eĉ sen avaro.
Por vi en mondo nur ĉi estaĵo
sangon redonus ĝis gutarfino.
Do jena vorto kvazaŭ sanktaĵo
La plej belsona, vorto – PATRINO.

*Esperantigis:*



**Edward Jaśkiewicz (Pollando)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

### ĈAPITRO KVINA

### Signoj de kompleta honesteco

**§05-03**

En la regno Lu vivis homo mutilita, kiu estis nomata Shushan la Senpiedfingrulo. Paŝante sur siaj kalkanoj li iris viziti Konfuceon. Sed tiu diris al li:

“Ĉar vi ne estis singarda, vi faris krimon, kiu kaŭzis al vi malfeliĉon. Nun estas tro malfrue por vi veni al mi.”

“Mi perdis miajn piedfingrojn pro mia nedeca konduto kaj tiel kripliĝis mia korpo,” diris la Senpiedfingrulo. “Mi venas al vi, ĉar mi havas ion pli valoran, ol miaj piedfingroj, kaj mi volas ĝin konservi. Ekzistas nenio, kion la ĉielo ne kovrus; ekzistas nenio, kion la tero ne subtenus. Mi pensis, ke vi similas la ĉielon kaj la teron. Kiel mi povis atendi, ke mi ricevos de vi tian respondon!”

“Pardonu min, ke mi parolis tiel malprofunde. Kial vi ne eniras domen kaj diros al mi, kion vi scias?” diris Konfuceo.

La Senpiedfingrulo foriris sen diri eĉ unu vorton.

Tuj poste Konfuceo diris:

“Studu diligente, miaj disĉiploj! La Senpiedfingrulo estas mutilito, tamen li ankoraŭ volas lerni por ripari siajn antaŭajn erarojn. Kiel do vi, homoj tute sen misagoj, ne devas penadi?

La Senpiedfingrulo iris vidi Laŭzi kaj, informinte tiun pri la intervidiĝo, diris:

“Kredeble Konfuceo ankoraŭ ne povas esti homo perfekta. Kial li ne ofte venas lerni de vi? Li penas akiri al si famon per strangeco de siaj paroloj kaj siaj

paradoksoj ne sciante, ke la perfekta homo konsideras famon kiel katenon."

"Kial," diris Laŭzi, "vi ne diris al li, ke la vivo kaj la morto, la ebleco kaj la neebleco, estas la samaj? Tiele vi povus liberigi lin de lia kateno."

"Se la Ĉielo lin punas per tio," diris la Senpiedfingrulo, "kiel do mi povus lin liberigi?"

**§05-04**

La duko Ai de la regno Lu diris al Konfuceo:

"En la regno Wei vivis homo belega, kiu estis nomata Aitai Tuo. La homoj, kiuj vivis kun li, tiel forte ŝatis lin, ke ili ne volis deŝiri sin de li. La virinoj, kiuj lin vidis, tiel forte ekamis lin, ke ili diris al siaj gepatroj: "Mi preferas fariĝi konkubino de tiu ĉi viro, ol esti la edzino de alia. Kaj la nombro de tiaj virinoj superis dekon.

"Oni neniam aŭdis, ke li laŭdis ion; li ĉiam eĥe ripetis, kion aliaj diris. Li neniam estis en la suverena pozicio por savi homojn de la morto; li neniam havis sufiĉe da mono, por savi homojn de malsato. Cetere, li estis tiel malbelega, ke li povus teruri la tutan mondon. Li ĉiam sekvis, kion aliaj diris, kaj proponis nenion. Kvankam la amplekso de liaj scioj ne transpasis la homan mondon, tamen ĉiuj homoj, la viroj kaj la virinoj, ĝuis kunestadon kun li. Li devis havi ion, kio distingis lin de la ordinaruloj. Tial mi venigis lin al mi kaj rigardis lin. Lia malbeleco estis vere terura. Sed, antaŭ ol pasis unu monato, dum kiu li vivis kun mi, mi komencis koni lian personecon; antaŭ ol pasis unu jaro, mi havis plenan fidon al li. Ĉar tiam al la regno mankis ĉefministro, mi nomumis lin al tiu posteno. Silente li akceptis la nomumon, kvazaŭ li volus ĝin rifuzi. Mi hontis pri mi kaj embarasiĝis, sed finfine mi tamen konfidis al li la regadon. Nelonge post tio, li forlasis min kaj iris for de mi. Mi tiel forte ĉagreniĝis, kvazaŭ mi perdus ion, kvazaŭ en la regno troviĝus neniu, kiu povus dividi kun mi la ĝojon. Kia homo li do estas?"

Konfuceo respondis: "Iam, kiam mi estis sendita al la regno Chu por misio, mi vidis la jenan scenon: kelkaj porkidoj suĉas la mamojn de sia ĵus mortinta patrino. Post iom da tempo ili forlasis ŝin kaptite de hororo, ĉar ili trovis, ke ilia patrino ne ilin plu rigardas kaj ke ŝi ne aspektas plu tiel, kiel ŝi aspektis. Tio, kion ili amis en ŝi, estis ne ŝia korpo, sed la spirito, kiu faris ĝin viva. Kiam soldato mortas sur la batalkampo, ne necesas por li esti enterigita en ĉerko plene ornamita; kiam homo havas siajn piedojn amputitaj, ne necesas por li zorgi pri siaj ŝuoj. Por ili ambaŭ tiuj objektoj perdis sian originan utilon. La servistinoj de la reĝa palaco ne tondetas siajn ungojn, nek boras siajn orellobojn. Edziĝintaj viroj estas devigitaj labori ekster la palaco kaj ne povas plu servi persone la reĝon. Tiel grava estas eĉ la konservo de la korpa sendifekteco, por ne paroli pri la konservo de la kompleta virto!

"Nun Aitai Tuo estas fidata sen diri eĉ unu vorton kaj amata sen plenumi ion ajn. La duko konfidis la regadon al li, timante nur, ke li rifuzus ĝin akcepti. Li devis posedi la perfektan harmonion kaj la virton nemanifestiĝantan."

"Kio do estas la perfekta harmonio?" demandis la duko Ai.

"La vivo kaj la morto," respondis Konfuceo, "la akiro kaj la perdo, la sukceso kaj la malsukceso, la riĉo kaj la malriĉo, la honoro kaj la malhonoro, la klero kaj la malklero, la laŭdo kaj la riproĉo, la malsato kaj la soifo, la varmo kaj la malvarmo — jen la alternaj ŝanĝiĝoj de la estaĵoj, kiuj sekvas la naturan ordon kaj konsistigas la destinon. Ili sin sekvas tiel, kiel la tago kaj la nokto alternas, sen ke la homa inteligenteco scius pri ilia komenco kaj fino. Tial ili ne povas ĝeni nian pacon de la menso, nek tro zorgigi nian koron. Ni devas teni nian koron en trankvileco, kontenteco kaj bona humoro; ni devas teni nian koron ĉiam juna, konstante kontaktiĝanta kun ĉio en la mondo tage kaj nokte, sin adaptante al la sezonoj. Tio estas nomata la perfekta harmonio."

"Kaj kio do estas la virto nemanifestiĝanta?" demandis la duko Ai.

"La samniveleco estas la perfekta stato de kvietaj akvoj. Ĝi povas servi kiel la modelo por ni, ĉar la akvoj ĉiam tenas sin kviete interne sen superbordiĝi. La virto estas la kulturado de la perfekta harmonio, sekve tiu, kiu posedas ĝin, estas bezonata kaj neniel forlasita de ĉiu en la mondo."

Iun tagon la duko Ai informis Minzi pri tiu

interparolo, dirante:

"Kiam mi komencis regi super la regno kiel suvereno, mi devigis la popolon obei la leĝojn kaj zorgis pri iliaj vivo kaj morto, pensante, ke mi perfekte plenumas mian taskon. Nun ke mi aŭdis la parolon de la homo perfekta, mi forte timas, ke mi ne havas sufiĉan kapablon por la regado. Mi povos ruinigi mian regnon pro miaj misagoj. Mi kaj Konfuceo estas rilatigitaj ne kiel reganto kaj regato, sed nur kiel amikoj de la virto."

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

**Ĉineske**

**Jadranka Miric (Serbujo)**



## Kato kaj musoj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Malsata
kato atente
rigardis musan grupon.
Ĉi malsato sensente
krias 100% elcente.

Musetoj
manĝas trankvile.
Kato dormas. Se ne ĉu
ni fuĝu miaŭie
kaj senkonsile?

Spionis
ilin ruza kat'
la tutan tag'. Subite
buŝego ĝia pro sat'
kaptis iun rat'.

En truon!
kaŝis musoj sin .
Ve , iĝis la kat' morta
por konfuzigi ilin.
Baldaŭ estos fin'.

Sed iu
muso kuraĝa,
ektiris ĝian voston.
Via natur' sovaĝa
igis nin saĝa.

*Moral instruo: Saĝaj popoloj pro ies malboneco ne falos dufoje en la sama kaptilo !*

## Vivi laŭ leĝo aŭ laŭ krimo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Iu hom'
malgaiĝis tre
pro perdita sia dom'.
Ĉio doloras kore,
perfiddolore..

Sin venĝi !
Fia decido.
Ne estas mia kulpo.
Solas mi nun sen ido.
Krimo. Perfido.!

Kaj krimul'
kuris arbaren.
Tima por sia vivo
pene fuĝis sed kien.
Ĉu salti maren?

Aperis
iu serpenteg'.
Timigita saltis li
maren. Rekte al buŝeg'
de marobesteg'.

Pri tio
eksciis homo
serĉonta lin pro krim'.
Justeco por la homo.
Leĝa bastono!

*Moral instruo: Nenio sur la tero, en akvo, aero povas savi krimulon de justeco !*

***Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarango xa,xa,a (x=senrima).*



## Gaston Leroux(1868-1927)






Tio okazis antaŭ multaj jaroj, dum mi troviĝis en Gersau, turista stacieto sur la Kvarkantona Lago, nemalproksime de Lucerno. Mi decidis pasigi tie aŭtunon, por fini iun laboron en la paco de tiu ĉarma vilaĝo, kiu spegulas siajn malnovajn tegmentojn en romantika akvo, kie flosis la barko de Vilhelmo Telo. En tiu postsezono la turistoj foriris, kaj ĉiuj forlogaj Tartarinoj alvenintaj de Germanio kun siaj longaj alpobastonoj, siaj surobendoj kaj siaj rondaj ĉapeloj fatale ornamitaj per leĝera plumo, estis revenintaj al siaj bierglasoj, siaj saŭrkraŭtoj kaj siaj "dikaj koncertoj", lasinte fine libera tiun landon inter la montarmasivoj Pilatus, Mitten kaj Rigi.

Ĉe la komuna tablo, ni retroviĝis pleje unu duondekduo de pensionanoj, kiuj simpatiis kaj vespere kunvenis, rakontante unuj al aliaj la tagajn promenadojn aŭ iom muzikante. Maljuna sinjorino, ĉiam envolvita per nigraj vualoj kaj, kiu neniam alporolis iun, kiam la malgranda hotelo estis plena de zumantaj vojaĝantoj, kaj kiu ĉiam aperis al ni kiel la personiĝado de la malgajeco, sin rivelis kiel unuaranga pianistino, ne petigante sin por pianludi al ni Ŝopino-n kaj precipe iun lulkanton de Schumann, en kiu ŝi enmetis tiom da emocio, ke ŝi venigis al ni la larmojn en la okulojn. Ni ĉiuj estis tiom dankemaj pro la mildaj horoj, kiujn ŝi travivis al ni, ke en la momento de la foriro, ĵus antaŭ la vintro, ni kotizis por donaci al ŝi memoraĵon de nia sezono en Gersau.

Unu el ni, kiu veturis al Lucerno dum la tago, estis komisiita aĉeti donacon. Li revenis vespere kun ora broŝo en formo de malgranda hakileto.

Nu, nek tiun vesperon, nek la sekvantan, ni ne revidis la maljunan sinjorinon. La pensionanoj, kiuj foriris, lasis do al mi la etan oran hakilon.

Ĉar la bagaĝoj de la sinjorino estis ankoraŭ en la hotelo, mi atendis, ke mi vidu reveni ŝin tre baldaŭ, des pli ke la gastejestro trankviligis min pri ŝia sorto dirante al mi, ke la vojaĝantino kutimis tiajn fuĝojn, kaj estis nenia motivo por maltrankviliĝi.

Fakte, la antaŭtagon de mia foriro, dum mi iris lastfoje promenadi ĉirkaŭ la lago, kaj mi haltis je kelkaj paŝoj de la kapelo de Vilhelmo Telo, mi vidis aperi sur la sojlo de la sanktejo la maljunan sinjorinon.

Neniam, kiel en tiu momento, mi estis trafita de la vastega aflikto de ŝia vizaĝo, kie fluetis dikaj larmoj, kaj neniam mi tiel bone rimarkis la spurojn ankoraŭ videblajn de ŝia malnova beleco. Ŝi vidis min, mallevis sian vualeton kaj malsupreniris al la lagbordo. Tamen mi ne hezitis reatingi ŝin, kaj salutante ŝin mi informis ŝin pri la bedaŭroj de la hotelklientoj. Fine, ĉar mi havis la donacon kun mi, mi transdonis al ŝi la skatoleton, en kiu troviĝis la eta ora hakilo.

Ŝi malfermis la etan skatolon kun milda kaj malpreciza rideto, sed tuj kiam ŝi ekvidis la objekton, kiu estis ene, ŝi terure ektremis, retropaŝis malproksime de mi, kiel ŝi timegis ion pro mia ĉeesto, kaj per sensenca gesto ĵetis la hakileton en la lagon!

Dum mi estis ankoraŭ konsternita pro tiu neeksplikebla akcepto, ŝi plorsingultante pardonpetis. En tiu solejo estis benko, ni sidis sur ĝi. Kaj post kelkaj plendoj kontraŭ la sorto, pri kiuj mi nenion komprenis, jen la stranga rakonto, kiun ŝi faris al mi, la malgaja historio, kiun ŝi konfidencis al mi, kaj kiun mi neniam devis forgesi! Ĉar vere mi ne konas destinon pli teruran ol tiun de la maljuna sinjorino kun nigraj vualoj, kiu pianludis al ni la lulkanton de Schumann kun tiom da emocio.

– Vi konos ĉion, ŝi diris al mi, ĉar mi baldaŭ forlasos por ĉiam tiun landon, kiun mi volis lastfoje revidi. Kaj tiam vi komprenos, kial mi ĵetis en la lagon la etan oran hakilon. Mi naskiĝis en Ĝenevo, sinjoro, en bonega familio. Ni estis riĉaj, sed malfeliĉaj borsaj operacioj senhavigis mian patron, kiu mortis pro tio. Kiam mi estis dek-ok-jara, mi estis tre bela, sed mi ne havis doton. Mia patrino malesperis edzinigi min. Tamen ŝi ja volus sekurigi mian sorton antaŭ, ke ŝi rekuniĝos kun mia patro.

«Mi aĝis dudek kvar jarojn, kiam partio kiun ĉiuj taksis kiel neesperita, sin prezentis. Juna fraŭlo de la regiono de Breisgau, kiu venis ferii ĉiusomere en Svisio, kaj kun kiu ni faris la konon en la kazino de Evian enamiĝis al mi, kaj mi amis lin. Herberto Gutmano estis granda knabo, milda, simpla kaj bona. Li ŝajnis kunigi la kvalitojn de la koro al tiuj de la spirito. Kvankam li ne estis riĉa, li tamen ĝuis ian bonhavecon. Lia patro komercis ankoraŭ, kaj faris al lia filo etan renton por vojaĝi, dum Herberto atendis anstataŭi lin. Ni devis iri kune vidi la maljunan Gutmano en lia proprietaĵo de Todnau, meze de la Nigra Arbaro, kiam la malbona sano de mia patrino rapidigis la eventojn.

«Pro tio, ke mia patrino ne sentis plu forton por vojaĝi, ŝi haste revenis al Ĝenevo, kie ŝi ricevis de la civila aŭtoritatularo de Todnau, post peto de ŝi, la plej bonajn informojn koncerne la junan Herberton kaj lian familion.

«La patro komencis kiel honesta arbohakisto, poste li forlasis la landon, kien li revenis, post li amasigis kapitaleton "en la ligna komerco". Almenaŭ tio estis ĉio, kion oni sciis pri li en Todnau.

«Ne bezonis plimulte al mia patrino, por ke ŝi hastigis ĉiujn formalaĵojn, kiuj devis finatingi al mia edziniĝo, unu semajnon antaŭ ŝia morto. Ŝi mortis en paco, kaj kiel ŝi diris "trankviliĝinta pri mia sorto".

«Mia edzo dank'al ĉiuj zorgoj, per kiuj li ĉirkaŭis min, kaj pro lia nelacigebla boneco, helpis min superi tiun aflikton tiom kruelan. Antaŭ, ke ni iru viziti lian patron, ni venis ferii dum unu semajno en tiu regiono de Gersau, poste je mia ega miro ni efektivigis longan vojaĝon, ĉiam ne vidante la patron. Mia malgajeco iom post iom disiĝus se samtempe, kiam la tagoj fluis, mi rimarkis preskaŭ kun teruro, ke la humoro de mia edzo fariĝis pli kaj pli malgaja.

«Tio mirigis min, pli oni scius diri, ĉar en Evian Herberto aperis al mi, kiel havante tre agrablan karakteron kaj estante plivole tre komunikema. Ĉu mi devis malkovri, ke ĉiu tiu gajeco estis artefarita, kaj fakte kaŝis profundan aflikton? Ve! la vespiroj, kiujn li eligis, kiam li kredis sin sola, kaj iafoje la maltrankviliga perturbo de lia dormado, ne lasis al mi ne multe da espero, kaj mi decidis pridemandi lin. Je la unuaj paroloj, kiujn mi aŭdacis pri tio, li respondis al mi ridegante, taksante min kiel freneza kapeto, kaj li pasie brakumis min, ĉiuj tiuj elmontroj utilis nur plimulte konvenki min, ke mi frontis la plej doloran misteron.

«Mi ne povis kaŝi al mi, ke estis en la sinteno de Huberto io, kio multe similigis memriproĉojn. Kaj tamen mi ĵurus, ke li ne estis kapabla de ago, mi ne dirus malnobla aŭ aĉa, eĉ malhonesta. Tiam la destino, kiu furiozis kontraŭ mi, trafis nin en la persono de mia bopatro, pri kiu oni sciigis al ni la morton, tiam ni troviĝis en Skotio. Tiu pereiga novaĵo senkuraĝigis mian edzon, pli ol mi scius diri. Li restadis dum la tuta nokto, ne dirante vorton, ne plorante, ne eĉ aspektante aŭdi la mildajn konsolajn parolojn, kun kiuj miavice mi provis plialtigi lian kuraĝon. Li estis en plena konfuzego. Fine en la unuaj horoj de la tagiĝo, li leviĝis de la brakseĝo, kie li estis renversiĝinta, montris al mi terurege ruiniĝintan vizaĝon pro superhoma doloro, kaj diris al mi per korŝira voĉo: "Nu, Elizabeta, necesas, ke ni revenu! Necesas, ke ni revenu!" Tiuj lastaj paroloj aperis, en lia buŝo pro la tono kun kiuj li diris ilin, havi sencon, kiun mi ne komprenis! Estis afero tiom natura, ke ni revenu al la

lando de lia patro en tia momento, ke mi ne povis ekkapti la motivon pro kiu, li ŝajnis batali kontraŭ tiun necesan revenon al la lando. Ekde tiun tagon, Herberto ŝanĝis komplete, fariĝis terure silentema, kaj mi surprizis lin pli ol unu fojo freneze plorĝemante.

«La doloro okazigita de la perdo de plejamata patro ne povis klarigi la tutan hororon de nia situacio, ĉar nenio estas pli horora en la mondo ol la mistero, la profunda mistero, kiu enŝoviĝas inter du estuloj, kiuj sin amegas reciproke por subite disŝovigi ilin unu el la alia en la plej teneraj horoj, kaj rigardigi unu alian ne sin komprenante reciproke.

«Ni alvenis al Todnau ĝustatempe por preĝi sur tombo tute freŝa. Tiu urbeto en la Nigra Arbaro situas proksime de la Infera-Valo, ĝi estis funebreca kaj tie ne estis multe da socioj por mi. La loĝejo de la maljuna Gutmano, en kiu ni ennestiĝis, stariĝis ĉe la rando de la arbaro.

«Ĝi estis malgaja izolita ĉaleto, kiu estis nur vizitita de ĉitiea maljuna horloĝisto, kiu laŭdire estis riĉa, kaj estis malnova amiko de la maljuna Gutmano. De tempo al tempo li prezentiĝis ĉe la horo de la tagmanĝo aŭ la vespermanĝo, por ke ni invitu lin. Mi tute ne ŝatis tiun fabrikiston de kukolhorloĝoj, kiu okaze estis ankaŭ lombardisto. Se li estis riĉa, li estis ankoraŭ pli avara kaj nekapabla de la plej malgranda delikateco. Herberto ankaŭ tute ne ŝatis tiun ulon Frantz Basckler, sed pro memora respekto al sia patro, li daŭrigis akcepti lin.

«Basckler, kiu ne havis infanojn, multfoje promesis al la patro de Huberto, ke li ne havus alian heredanton ol lian filon. Pri tio, iam Herberto parolis al mi kun la pli sincera malinklino, kaj tiam mi ankoraŭ havis la okazon konstati lian noblan koron:

«– Ĉu plaĉus al vi, li diris al mi, ke vi heredu de tiu maljuna avarulo, kiu riĉiĝis senmonigante ĉiujn mizerajn horloĝistojn de la Infera-Valo?

«– Certe, tute ne! Mi respondis al li. Via patro lasis al ni ian riĉaĵon, kaj tio kion vi honeste gajnas perlabori, sufiĉos vivteni nin, eĉ se la ĉielo ja volas sendi al ni infanon.

«Mi apenaŭ prononcis tiun frazon, ke mi vidis Herberton fariĝi pala kiel la vakso. Mi ekprenis lin en miaj brakoj, ĉar mi kredis, ke li tuj svenos, sed la sango revenis al lia vizaĝo, kaj li laŭtege ekkriis: "Jes, jes, nur tio estas vera, havi trankvilan konsciencon!" Kaj post tio, li forfuĝis kiel frenezulo.

«Kelkafoje li forestis dum unu aŭ du tagoj por sia negoco, li diris al mi, kiu konsistis en la aĉetado de sortimentoj da nedehakitaj arboj kaj ilia revendado al entreprenistoj. Li ne laboris mem lasante al la aliaj, li diris al mi, la zorgon fari per la arboj, fervojajn transtrabojn kiam la ligno estis de malsupera kvalito, fostojn aŭ mastojn kiam tiu kvalito estis supera. Sed pri tio necesis esti sperta, li lernis tiun scion de lia patro. Mi neniam akompanis lin dum liaj vojaĝoj. Li lasis min sola en la domo kun maljuna servistino, kiu malamikece akceptis min, kaj pri kiu mi kaŝiĝis por plori, ĉar mi ne estis feliĉa. Mi estis certa, Herberto kaŝis al mi ion, pri kio li senĉese pensis, kaj ankaŭ mi, kiu nenion sciis, ne povis sin reteni pensi.

«Kaj poste, tiu granda arbaro timigis min! Kaj la servistino timigis min! Kaj la maljunulo Basckler timigis min! Kaj ankaŭ tiu tre granda malnova ĉaleto, en kiu ĉie estis multaj ŝtuparoj, kiuj kondukis al koridoroj, kie mi ne kuraĝis riski min. Estis aparte, ĉe la fino el ili, malgranda kabineto en kiu mi vidis eniri, du aŭ trifoje, mian edzon, sed kie mi neniam eniris. Neniam mi povis preterpasi antaŭ la pordo de tiu kabineto ĉiam fermita sen tremeti. Estis malantaŭ tiu pordo, ke Herberto izoliĝis por teni siajn kontojn kaj netigi siajn librojn, li diris al mi, sed estis ankaŭ malantaŭ tiu pordo, ke mi aŭdis ĝemi lin, tute sola kun lia sekreto.

«Iun nokton, dum mia edzo estis foriĝinta por unu el siaj rondvizitadoj, kaj mi vane klopodis por ekdormi, mia atento estis altirita de leĝera bruo sub mia fenestro, kiun mi lasis duonfermita pro la ega varmo. Mi singarde ellitiĝis. La ĉielo estis komplete nigra, kaj dikaj nuboj kaŝis la stelojn; mi apenaŭ povis ekvidi la longajn minacajn ombrojn de la unuaj arboj, kiuj ĉirkaŭis nian loĝejon. Sed tamen mi distingeble vidis mian edzon kaj la servistinon, dum ili singarde pasis sub mia fenestro marŝante sur la gazono, por ke mi tute ne aŭdu la bruon de iliaj paŝoj. Ili kunportis, ĉiu per mantenilo, specon de longa kofro, sufiĉe mallarĝa, kiun mi neniam vidis. Ili enpenetris en la ĉaleton, kaj mi nek aŭdis kaj nek vidis plu ilin dum pli da unu

deko de minutoj.

Mia angoro superis ĉion, kion oni povas imagi. Kial ili sin kaŝis de mi? Kial mi ne aŭdis la alvenon de la malgranda kabrioleto, kiam ĝi rekondukis Herberton? Tiam, ŝajnis al mi aŭdi fore ĉevalbleki. Kaj la servistino ekaperis, trapasis la gazonojn, malaperis en la nokton, kaj baldaŭ revenis kun nia ĉevalino tute maljungita, kiun ŝi marŝigis sur la mola tero. Kiom da singardemoj por ne veki min!

«Pli kaj pli mirigita, ĉar mi ne vidis Herberton eniri en nian dormoĉambron, kiel tion li faris okaze de ĉiuj siaj noktaj revenoj. Mi haste surmetis matenrobon, kaj mi ekvagis tra la ombro de la koridoroj. Miaj paŝoj direktis min, tute nature, al la malgranda kabineto, kiu tiom timigis min. Mi ne estis ankoraŭ enirinta en la etan koridoron, kiu atingis tien, ke mi aŭdis mian edzon mendi al la servistino, per surda kaj abrupta voĉo, dum ŝi resupreniris: "Akvon!... Alportu al mi akvon!... Varman akvon! Vi aŭdas! Tion ne malaperas!"

«Mi haltis kaj provizore detenis mian spiradon, ĝis kiam areo mankis al mi. Mi sufokis, mi havis antaŭsenton, ke horora malfeliĉo ĵus okazis. Subite, mi denove estis skuita per la voĉo de mia edzo, kiu diris: "Ha! Fine! Tio malaperis!..."

«La servistino kaj mia edzo mallaŭte interparolis ankoraŭ dum momento, kaj mi aŭdis la paŝon de Herberto. Tio vigligis miajn fortojn, kaj mi kuris enfermiĝi en mian dormoĉambron. Baldaŭ li frapetis kontraŭ la pordo de nia dormoĉambro, mi imitis dormantan virinon, kiu vekiĝis; kaj fine mi malfermis la pordon. Mi havis enmane kandelon, kiu planken falis, kiam mi ekvidis la vizaĝon de mia edzo, kiu estis terura.

«– Kio okazas al vi, li trankvile demandis al mi, ĉu vi ankoraŭ sonĝas? Preferinde estus, se vi dormus!...

«Mi volis reflamigi la kandelon, sed pri tio li oponis, kaj mi tuj enlitiĝis. Mi travivis abomenan nokton. Apud mi, Herberto ruliĝadis senĉese, eligis sopirĝemojn kaj ne dormis. Li ne diris al mi unu vorton. Ektagiĝe, li ellitiĝis, demetis frostan kison sur mia frunto, kaj foriris. Kiam mi malsupreniris, la servistino transdonis al mi mesaĝon de mia edzo, kiu anoncis al mi, ke li devis ankoraŭ foresti por du tagoj.

«Je la oka matene, mi eksciis de la laboristoj, kiuj iris al Neustadt, ke oni ĵus trovis la ulon Basckler murdita en malgranda ĉaleto, kiun li posedis en la Infera-Valo, kie iafoje li tranoktis, kiam liaj uzuristaj aferoj tro longatempe restigis lin ĉe la kamparanoj. Basckler ricevis teruran frapon de hakilo sur la kapo, kiu estis duone fendita, vera laboro de arbohakisto.

«Dum mi revenis al mia dormoĉambro, apogante min al la muroj, denove miaj paŝoj direktis min al la fatala malgranda kabineto. Mi ne povus ekzakte diri tion, kio okazis en mia kapo, sed post la paroloj, kiujn mi aŭdis nokte, kaj la vizaĝo de Huberto, kiun mi vidis, mi bezonis ekscii, kio estis malantaŭ tiu pordo. Kiam mi alvenis al la pordo, la servistino ekvidis min, kaj malice kriis al mi:

«– Lasu do trankvila tiun pordon, vi ja scias, ke S-ro Herberto malpermesis al vi tuŝi al ĝi! Vi ja progresos, kiam vi scios, kio estas malantaŭ!...

«Kaj mi aŭdis ŝin malproksimiĝi kun demona rido. Mi enlitiĝis febra. Dum du semajnoj mi estis malsana. Herberto flegis min kun patrina sindonemo. Mi kredis, ke mi havis malbonan sonĝon, kaj nun sufiĉis al mi rigardi la bonan vizaĝon de Herberto, por konfirmi al mi, ke mi ne estis en mia normala stato, kiam mi kredis vidi kaj aŭdi esceptajn aferojn dum tiu nokto. Cetere la murdinto de la ulo Basckler estis arestita. Estis arbohakisto de Bergen, kiun la maljuna uzuristo tro "sangis", kaj kiu sin venĝis sanginte lin siavice.

«Tiu arbohakisto, nomata Mateo Muelo, daŭrigis proklami sian senkulpecon. Sed kvankam oni eĉ trovis nek unu sangoguton sur li, nek sur liaj vestaĵoj, kaj la tranĉrando de lia hakilo estis preskaŭ kiel nova ŝtalo, oni havis, laŭdire, sufiĉe da pruvoj pri lia kulpeco, por ke li ne povu eviti la plejaltan punon.

«Post la morto de la ulo Basckler, nia situacio tute ne ŝanĝis, kiel ni povus kredi tion, estis do vane, ke Herberto esperis testamenton, kiu ne ekzistis.

«Je mia ega miro, pro tio mia edzo estis tre afektita, kaj iam kiam mi pridemandis al li pri tio, li respondis, tre nervoza: "Nu, jes! Mi multe kalkulis je tiu testamento, se vi volas ekscii… jes multe!" Kaj lia vizaĝo, kiam li diris tion al mi, estis fariĝinta tiom malica, ke la alia vizaĝo, dum la mistera nokto reaperis al mi, kaj ne forlasis plu min. Tio similis

maskon, ĉiam pretan, kiun mi surmetis sur la vizaĝon de Herberto; eĉ kiam tiu ĉi estis nature milda kaj malgaja. Kiam la proceso de Mateo Muelo okazis en Fribourg, mi avide legis la gazetojn. Frazo, kiun prononcis la advokato, turmentis min tage kaj nokte:

«– Ĉiam kiam vi ne retrovos la hakilon, kiu frapis, kaj la vestaĵojn makulitajn per la sango de la murdinto de Basckler, vi ne povos kondamni Mateon Muelon.

«Tamen Mateo Muelo estis kondamnita al morto, kaj mi devas diri, ke tiu novaĵo konsternis strange mian edzon. Nokte li sonĝis nur pri Mateo Muelo. Li timigis min, kaj mia penso ankaŭ teruregis min. Ha! Mi bezonis scii! Mi volis scii! Kial li diris: "Tio ne volas malaperi"? Kia laboro prizorgis do lin dum tiu nokto en la malgranda mistera kabineto?

«Iun nokton mi ellitiĝis blindopalpe kaj ŝtelis liajn ŝlosilojn!... Kaj mi trapasis la koridorojn… Pasinte la kuirejon por kunpreni lanternon, mi alvenis dentoklakante al la pordo malpermesita… Mi malfermis ĝin.. kaj tuj mi vidis la kofron… la longforman kofron, kiu tiom scivoligis min… Ĝi estis ŝlosita, sed mi senpene trovis en la ŝlosilaro la necesan etan ŝlosilon… Mi levis la fermoplaton kaj surgenuiĝis por pli bone vidi… kaj tio, kion mi vidis, elŝiris el mi hororan krion… Tie en la kofro estis vestoj makulitaj per sango kaj la hakilo, kiu frapis, rustkovrita pro sango!...

* * * * *

«Post tio, kion mi vidis, kiel mi povis vivi apud tiu viro dum la kelkaj semajnoj, kiuj antaŭis la ekzekuton de tiu mizerulo? Mi timis, ke Herberto mortigu min!...

«Kiel mia sinteno, miaj teruraĵoj ne informis lin? Certe, ĉar en tiu momento lia tuta penso estis turmentata de teruro almenaŭ tiel granda kiel la mia. La penso de Mateo Muelo ne forlasis lin! Sendube por fuĝi ĝin, nun li ofte iris enfermiĝi en la malgranda kabineto, kaj iafoje mi aŭdis lin frapante per egaj batoj, kvazaŭ li interbatalis per sia hakilo kontraŭ la ombroj kaj la fantomoj, kiuj sturmis lin.

«Stranga afero, kiu unue ŝajnis al mi neklarigebla: kvardek ok horojn antaŭ la tago definita por la ekzekuto de Muelo, Herberto retrovis subite sian plenan senerecon, iun marmoran serenecon, iun kvietecon de statuo. La antaŭtagon vespere, li diris al mi:

«– Elizabeta, morgaŭ mi foriros frumatene, ĉar mi devos trakti gravan aferon proksime al Fribourg! Mi eble estos forestanta dum du tagoj, ne maltranviligu vin.

«La ekzekuto devis okazi en Fribourg. Subite mi havis la ideon, ke la plena sereneco de Herberto rezultis de ega decido, kiun li ĵus faris.

«Tien li iris por sin denunci.

«Tia penso kvietigis min tiagrade, ke unuafoje depost jam multaj noktoj, mi trafis en ŝtonan dormon. Estis plene taghele, kiam mi vekiĝis. Mia edzo estis foririnta. Mi haste vestis min, kaj dirante nenion al la servistino, mi rapidis al Todnau. Tie mi uzis kaleŝon, kiu kondukis min al Fribourg, kien mi alvenis, kiam noktiĝis. Tuj mi kuris al la Domo pri Justico, kie la unua persono, kiun mi ekvidis enirante en tiun domon, estis mia edzo. Mi restis tie, ŝtonigita pro surprizo, kaj ĉar mi ne revidis lin eliri, mi estis persvadita, ke li sin denuncis, kaj oni tuj gardis lin je dispono de la prokuroro.

«En tiu epoko la malliberejo apudis la Domon pri Justico. Mi ĉirkaŭis ĝin kiel malesperulino. Dum la tuta nokto, mi vagis tra la stratoj, revenante senĉese al tiu funebreca domo. La unuaj sunradioj de la tagiĝo ekaperis, kiam mi ekvidis du virojn vestitajn per nigra redingoto, kiuj grimpis la ŝtupojn de la juĝejo. Mi kuris al ili kaj diris al ili, ke mi volis senprokraste paroli al la prokuroro, ĉar mi devos komuniki al li la plej gravan informon koncerne la kaŝmurdon de Basckler.

«Unu el tiuj sinjoroj estis ĝuste la prokuraro. Li petis min, ke mi sekvu lin, kaj li enirigis min en sian kabineton. Tie mi nomiĝis kaj diris al li, ke li devis akcepti antaŭtage la viziton de mia edzo. Li respondis al mi, ke efektive li vidis lin. Kaj ĉar post tio li restis silenta, mi impetis surgenuen al liaj piedoj petigante lin, ke li kompatu min, kaj diru al mi ĉu Herberto konfesis sian krimon. Li aspektis mirigita, restarigis min kaj pridemandis min.

«Iom post iom, mi rakontis al li pri mia vivo, kiel mi ĵus rakontis ĉi tiun al vi, kaj fine mi informis lin pri la kruelega malkovro, kiun mi faris en la kabineto de la

ĉaleto de Tadnau. Mi finis ĵurante, ke neniam mi lasus ekzekuti iun senkulpulon, kaj se mia edzo ne denuncus sin, mi ne hezitus informi la justicon. Finfine mi petis lin, kiel supera favoro, ke li lasu min vidi mian edzon.

«– Vi tuj vidos lin, sinjorino, li diris al mi, bonvolu sekvi min.

«Li kondukis min, pli mortinta ol vivanta, al la malliberejo, trapasigis al mi koridorojn kaj suprenirigis ŝtuparon. Tie, li lokis min antaŭ malgranda kradita fenestro, kiu superelstaris egan ĉambron, kaj forlasis min petigante min pacience atendi. Baldaŭ aliaj personoj alvenis sin loki ankaŭ al tiu malgranda fenestro kaj rigardis al la ĉambregon, dirante nenion. Mi faris same kiel ili. Mi restis kiel alkroĉita al la stangoj de la krado, mi havis la akran senton, ke mi baldaŭ ĉeestos al monstra afero. La ĉambrego iom post iom sin pleniĝis de multnombraj moŝtuloj, kiuj funebrece silentis. Nun la taglumo plibone lumigis la scenejon. Meze de la ĉambrego, oni distingeble rimarkis pezan blokon el ligno, kiun iu malantaŭ mi nomis dirante:"jen la ŝtipo".

«Do baldaŭ oni ekzekutos Muelon! Malvarma transpiro ekfluis laŭlonge miaj tempioj, kaj mi ne tro scias, kial tiam mi ne tuj senkonsciiĝis. Pordo malfermiĝis kaj aperis kunirantaro, kape de tiu ĉi troviĝis la kondamnito kun la kolo nuda, lia tuta korpo tremetis sub lia entranĉita ĉemizo. Li havis la manojn ligitaj malantaŭ la dorso, kaj estis subtenita per du asistantoj. Pastoro murmuris ion al li ĉe lia orelo. Tiam la mizerulo ekparolis – per povra tremanta parolo – por konfesi sian krimon kaj pardonpeti al Dio kaj la homoj. Magistratano notis tiun konfeson kaj legis la verdikton; poste ambaŭ asistantoj surgenuen ĵetis la torturotan kaj metis lian kapon sur la ŝtipon. Mateo Muelo ne donis jam nenian vivsignon, kiam mi vidis disiĝi el la murego, kie li sin tenis ĝis tiu momento en la ombro, viro kun la brakoj nudaj, kiu surŝultre kunportis hakilon. La viro tuŝis la kapon de la kondamnito, malproksimigis per gesto la asistantojn, levis la hakilon kaj per terura bato frapis. Tamen li devis dufoje rekomenci antaŭ, ke falis la kapo. Tiam per sia pugno, li levprenis la kapon per la haroj, kaj sin rektiĝis.

«Kiel mi povis ĝisfine spekti tian hororaĵon? Tamen miaj okuloj ne sukcesis disiĝi de tiu sanga sceno, kiel se miaj okuloj devis ankoraŭ vidi alian aferon… Kaj fakte ili vidis… Jes ili vidis, ĝuste kiam la viro stariĝis kaj levis sian kapon, tenante enmane sian abomenan trofeon… Tiam mi eligis korŝiran krion: "Herberto!..." Kaj mi svenis.

«Sinjoro, nun vi konas la tuton, mi edziniĝis kun la ekzekutisto. La hakilo malkovrita en la malgranda kabineto estis la hakilo de la ekzekutisto; la vestoj sangkovritaj estis tiuj de la ekzekutisto! Ekde la postan tagon mi rifuĝis ĉe malnova familianino, kie mi preskaŭ fariĝis freneza, kaj mi ne scias, kiel mi estas ankoraŭ en tiu mondo!... Pri mia edzo, kiu ne povis vivi sen mi, ĉar li amis min pli ol ĉion sur tiu tero, oni retrovis lin, du monatojn pli malfrue, li sin pendumis en nia dormoĉambro. Mi ricevis tiujn lastajn vortojn:

Pardonu al mi, kara Elizabeta, li skribis al mi. Mi provis ĉiujn metiojn. Oni forpelis min, tuj kiam oni eksciis, kion faris mia patro. Rapide necesigis al mi decidiĝi akcepti tian heredaĵon. Ĉu vi komprenas nun, kial oni estas ekzekutisto la filo de post patro? Mi naskiĝis honesta homo. La unika krimo kiun mi nur faris dum mia vivo, estas, ke mi kaŝis al vi la tuton. Sed mi amis vin, Elizabeta, adiaŭ!

La sinjorino nigre vestita, estis jam fore, dum mi ankoraŭ stulte rigardis la lokon de la lago, kie ŝi ĵetis la oran hakileton.

*Esperantigis*

**Noĉjo Lagrafo**
**(Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo

de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,

Chongqing, 400020, Ĉinio

Tel: (023) 67095890 (hejme)

Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_